


# AGADO *de Esperantistoj en Jihlava*

OKTOBRO — DECEMBRO 1962

*Malnova tamen bela estas nia urbo (Fotis Dro F. Kubica)*

## *Novjaran saluton el Jihlava*

# ĜEMELIĜO JIHLAVA — MARTIN

La 29-an ĝis 30-an de septembro 1962 okazis jam kvara renkontiĝo de slovakaj Esperantistoj en tre agrabla medio en banloko Rajecké Teplice proksime de Žilina. La kunvenon partoprenis ne nur Esperantistoj el Slovakio, sed ankaŭ de kelkaj lokoj el Bohemio kaj Moravio. El Jihlava partoprenis s-ano Tyráček de E-grupo GRAFIA kaj s-ano Tichý de E-grupo ĉe Domo de Kulturo. La kunveno komencis sabate vespere per oficiala saluto de reprezentantoj de unuopaj E-rondetoj. Kulturan parton prizorgis junaj geesperantistoj el Žilina, kiuj tre ĉarme prezentis kelkajn poemojn. Ilia aĝo estis de 8 ĝis 12 jaroj. Post la oficiala parto okazis renkonto de Esperantistoj de urboj Jihlava kaj Martin, dum kiu ni pritraktis detalojn kaj precizigon de la preparata ĝemeliĝo de geesperantistoj de ambaŭ urboj. Pri tiu ĉi grava paŝo traktis antaŭ nelonge s-ano Tyráček kun D-ro Izák el Martin post interkonsento kun D-ro Chyba el Kleriga instituto en Prago. Ĝi havos gravan signifon por laboro de rondetoj en ambaŭ urboj. Krom kunlaboro kultura kaj ĉeokazaj reciprokaj vizitoj ni intencas unuigi ankaŭ eldonadon de neregulaj klubaj informiloj. Tio ne nur ŝparos duoblan redaktan laboron kaj paperon, sed certe signifos plibonigon kaj pliriĉigon de enhavo por AGADO el Jihlava, kaj plibeligon de aspekto por ESPERANTO el Martin. La ĝemeliĝo ekfunkcios ekde la jaro 1963.

# ESPERANTO-EKSPOZICIO EN JIHLAVA

Anoj de ĉiuj tri Esperanto-grupoj en Jihlava aranĝis dum semajno de la 9-an ĝis 16-an de septembro 1962 ekspozicion sub titolo PRAKTIKA ELUZO DE ESPERANTO. Ĝi okazis en bela ekspozicejo de Domo de Kulturo kaj enhavis rezultojn de amika korespondado de jihlavaj Esperantistoj kun tuta mondo. Krom granda kvanto da belaj koloraj bildkartoj kaj interŝanĝitaj donac-objektoj ĝi prezentis trarigardon tra E-gazetaro kaj riĉa literaturo. Ni montris ankaŭ leterojn de niaj eksterlandaj korespondantoj kun traduko de la plej interesaj lokoj. La ekspozician vizit-libron subskribis 1200 vizitantoj, inter ili ankaŭ karavano da studentoj el Irako. Antaŭ kaj dum la ekspozicio ni disdonis 5000 varb-afiŝojn kun alpresita aliĝo por kursoj.

La ekspozicio estis sukcesa kaj ni varme dankas al ĉiuj esperantistoj, kiuj al tiu ĉi sukceso kontribuis per prunto de la objektoj kaj per sindona laboro dum la aranĝado kaj daŭro de la ekspozicio. Post fino de la ekspozicio prunteprenis la materialon k-do Sedlaček, direktoro de muzeo en Havlíčkův Brod kaj instalis ĝin tie dum oktobro 1962. Ankaŭ tie vekis la ekspozicio grandan intereson de la publiko.

Por kursoj kolektiĝis 50 aliĝoj kaj estis necese fari du grupojn. Unu grupon instruas s-anino D-rino Kopečková vendrede kaj la duan s-ano Tyráček lunde. Ni deziras al ambaŭ instruantoj multe da sukceso kaj esperas, ke sub ilia gvidado elkreskos novaj adeptoj de Lingvo Internacia.

# • Kiel ni laboras

Esperanto-rondeto ĉe Psikiatria kuracejo en Jihlava povas dum unu jaro de sia ekzisto montri jam riĉan aktivecon.

Ĉiaj membroj lingve pliperfektiĝas dum siaj regulaj kunvenoj, ili konatiĝas kun novajoj en Esperanto-movado kaj novaj adeptoj preparas sin por kurso.

La elmontra kesteto ĉe enirejo estas ĉiumonate priaranĝata per aktualaj temoj. Oni aranĝis ekspozicion de diversaj objektoj, ricevitaj de siaj korespondantoj kaj ankaŭ prelegon pri Esperanto por personaro de la Psikiatria resanigejo en ĝia kultura domo. Ĉi tiun prelegon ĉeestis ankaŭ nederlanda samideano jus traveturanta Ĉeĥoslovakion.

Membroj de la rondeto konvinkiĝis jam pri utileco de Esperanto en internacia kontakto. Per kunlaboro de Esperantistoj el Jihlava kaj Praha estis ebligita interkompreniĝo al finna samideano Märtti Myllilä-dum lia ĉeesto en Ĉeĥoslovakio. Li alflugis somere por kuraci sin en Mariánské Lázně.

La anoj kunlaboras kun aliaj du Esperanto-grupoj en Jihlava, vizitas reciproke klubajn kunvenojn kaj plenumas ĉiuflanke la devizon:

PER ESPERANTO POR PACO KAJ AMIKECO EN LA TUTA MONDO!

ESPERANTISTOJ EN ĈEĤOSLOVAKIO helpu trovi s-anon Václav Balcar. Pri tio petas nin nia kara soveta amiko S. S. ISAJEV, kiu perdis lian adreson dum la milita tumulto kaj deziras denove korespondi kun li. Kiu scias adreson de s-ano V. Balcar, bonvolu skribi tuj al nia redakcio, aŭ rekte al S. S. ISAJEV, Počtovaja 48, KISLOVODSK — USSR.

— ☆ —

JAM KVARA ESPERANTO-GRUPO EN JIHLAVA estis fondita en oktobro ĉe nacia entrepreno Geologický průzkum (Geologia esploro). Ĝi havas 8 membrojn kaj gvidas ĝin s-anino F. Čápová.

— ☆ —

RAKONTO PRI ESTIĜO DE ESPERANTISTO

Aŭtuna vespero.

En la ĉambro ĉirkaŭ la tablo sidas ĉiuj familianoj. Iliaj vizaĝoj estas prilumataj de elektra lampo, staranta sur la tablo. Ĉiuj estas iel okupataj. La patrino brodas, la filo skribas iun porlernejan lecionon. Sed kion faras la patro? Antaŭ li kuŝas ia stranga libro, li alterne legas kaj skribas perkrajone en kajeron. La filo estas proksimume 12-jara kaj de tempo al tempo liaj okuloj ŝtelobservas la patron, kiu estas tute enprofundiĝinta en sian strangan laboron.

Ni direktis nian specialan „pensperfidilon",

aparaton, kiu paroligas resp. sonbende eternigas parole pensojn, al la filo kaj jen:

„Kion nur faras la patro? — Ĉio aspektas tute same, kiam li skribas lecionon de la lernejo. — Efektive tute tiel. — Ĉu estus eble, ke ankaŭ li, plenaĝulo, lernu ion? — Tio ja ne estas eble! — Lerni — estas ja nur la privilegio de infanoj. Ĉar, kiam la infano finas la lernadon, ĝi fariĝas ĉionscianta matura homo, kiu estas tiom instruita, ke li nenion plu devas lerni! Almenaŭ li opinias tiel, — Sed jes tamen la patro lernas, certe! Stranga afero! La filo ŝatus scii, kion lernas plenaĝulo! — se nur oni povus iele rigardi en la libron!..."

Jen — la patro subite levas la kapon, liaj okuloj ĉirkaŭrigardas la tablon kaj — ili renkontas la demandoplenajn okulojn de la filo. Bonvola kaj afabla rideto movigas liajn lipojn. Tio kuraĝigas la filon kaj:

„Kion vi faras, paĉjo?" — „Mi lernas, mia filo." — „Ĉu eble, ke vi lernas? Kaj kion vi lernas do?"

Nun dokumentiĝas, ke plenaĝuloj estas ĉiam ruzaĉaj estajoj kaj ĉiam ili celas veki la intereson de infanoj per tre strangaj manieroj. Tion pruvas ankaŭ la respondo:

„Nu, sciu, mi lernas internacian lingvon. Se vi scius ĝin, vi povus akiri multajn eksterlandajn poŝtmarkojn!"

Tia bombo! Akiri ekster landajn poŝtmarkojn — tio estas ja sopirego de ĉiu filatelisto — despli de tiel juna „ankaŭfilatelisto". La okuloj de la knabo do larĝiĝas, lia rigardo perfidas grandan — posedemon de fremdaj poŝtmarkoj. La rezulto?

„Paĉjo, kiamaniere mi povus akiri poŝtmarkojn? Mi konas ja neniun eksterlande?" „Nu, se vi volus, mi havigos al vi adreson." „Jes, mi petas vin, havigu ĝin al mi."

Post kelkaj tagoj, dum kiuj la knabo klopode preparas ĉeĥe skribatan leteron por iu nekonata eksterlanda filatelisto, la patro alportas adreson. Li anoncas tion al sia filo kaj tiu petas:

„Paĉjo, ĉu vi tradukos por mi tiun ĉi leteron?" Nu la patro kompreneble laŭstile korektas la koncepton kaj tradukas ĝin. „Sed — skribi vi devas ĝin propramane!" Efektiviĝas, la feliĉa skribinto aldonas poŝtmarkojn, fermgluas la koverton kaj — la patro enpoŝtigas, la leteron.

La tempo fluas, ĝis venas la tago sopire atendata — kiam la poŝtisto alportas respondon al „s-ro Nono". Kia ĝojego por la filatelisto — des pli granda, kiam el la koverto alverŝiĝas sufiĉa amaso da ĉarmaj eksterlandaj poŝtmarkoj. Senfina estas la tempo, ĝis venas la patro el sia laborejo. Tiam ĝojplene prezentas la filo la ricevitan respondon kaj ordonvoĉe: „Traduku ĝin." Sed denove dokumentiĝas la stranga kaj tute nekomprenebla ruzeco de plenaĝuloj. Anstataŭ estimi tiun ĉi ordonon la patro ridetas kaj diras: „Nu, estus preferinde, se vi mem tradukus ĝin. Jen la vortaro kaj atentu . . ." kaj sekvas do klarigo de la fundamentaj reguloj. Okazas do ne kiel ordonis la filo, sed kiel ordonis la patro, eĉ se ne tro volonte flanke de la filo.

Nu, kaj sekvas pluaj leteroj — parte deskriboj, kopioj de la unua, sed parte ankaŭ kun kelkaj novaj vortoj aŭ frazoj, pene kompilitaj de la filo mem. La respondoj estas jam tradukataj pli facile.

En la familian rondon venadas ankaŭ regule kelkaj samideaninoj — fervojistinoj, kiuj komence nur lernis per tradukado de lecionoj, sed poste tradukadas jam beletriaĵojn kun helpo de la patro. La filo aŭdas kaj senkonscie ankaŭ perfektiĝas, li komprenas jam ĉion.

Kaj en la jaro 1921 la patro jam kunprenas sian filon al la Universala kongreso en Praha — kiel „perfektan" esperantiston.

Tiamaniere do sen pena lernado, sen kurso, tute nekonsciiĝante la filo fariĝis samideano. Nur ok jaron poste, kiam li estiĝis altlernejano, li la unuan fojon lernas sisteme dum prelegoj de lektoro — d-ro Pitlík, sed tio estis fakte nur „scienca" firmigo de la lingva scio.

Ĉu mirinde, ke li neniam plu forlasis la ideon de paca, amika interrilatado de la tuta homaro, ke li fariĝis entuziasma batalanto por la interfratiĝo de la tuta homaro?

Inĝ. Rebíček

---

# ISLANDAJ SAGAOJ

Islandaj Sagaoj, de la islanda vorto saga, signifanta „io rakontita en prozo," estas ĝenerala nomo de rakontoj pri aferoj, kiuj okazis en Islando precipe en la 10-a jarcento. La rakontoj konserviĝis buŝtradicie ĝis la komenco de la 13-a jarcento, kiam oni komencis ilian skribadon. Ilia temaro estas plejparte konfliktoj inter potencaj familioj. El la arta vidpunkto la sagaoj rangas alte en la mondliteraturo. Ili priskribas virojn kaj virinojn el ĉiuj klasoj, de ĉia karaktero, riĉajn kaj malriĉajn, bonajn, kaj malbonajn, homojn kun fortaj emoj kaj potencaj pasioj, homojn trankvilmensajn, kaj meditemajn, momoj malkuraĝajn kaj fimensajn. La sagaaj personoj estas vere vivantaj homoj de karno kaj sango, kaj tiel majstre priskribitaj en siaj virtoj kaj malvirtoj, ke ili verve viviĝos en nia menso. Sed tiuj priskriboj ne similas al la vortriĉaj psikesploroj pri inklinoj de karakteroj en modernaj romanoj. En la sagaoj la personoj priskribas sin mem per propraj vortoj, agoj kaj mienŝanĝoj. Priskriboj de naturaj fenomenoj ne troviĝas en la sagaoj. Lokoj kaj vetero estas menciitaj nur tiom, kiom rekte utilas por la kompreno de la rakonto. La stilo estas kerna kaj lakona, sed neniam ornameca aŭ artefarita, sen ĉia troelokventeco kaj elirvagoj for de la temo.

La Islandaj Sagaoj estas diferencaj inter si laŭ temoj, aĝo, amplekso kaj arto. Kvar el ili elstaras arte kaj amplekse; ili kovras longajn periodojn, estas pli komplik-konstruaj ol la pli mallongaj sagaoj. Ili superas en la pritraktado de la temoj, en la stilo kaj person-priskriboj. Tiuj sagaoj estas:

Egils saga Skalla-Grímssonar, Laxdaela saga Grettis saga Ásmundarsonar kaj Njals saga.

La sagaojn esperantigis kunlabore B. Ragnarsson kaj K. Kalocsay. La unua verkis ankaŭ tiun-ĉi artikolon, kiun ni prenis de Voĉo de Islando.



El Esperanto-ekspozicio en Jihlava

# BELA FLOR' (BOLERAZ)




2. (: Mi ĉi tie restus, kara kolombino, :)
   (: nur se vi min vekus, nur se vi min vekus antaŭ la mateno. :)
3. (: Sed ŝi ne vekas min, kvankam sun' lumas jam. :)
   (: Ŝi ja faras 'tion, ŝi ja faras tion pro fidelo de'l am'. :)

## BONA IDEO

Du amikoj pruntepreni remboaton por kapti fiŝojn en lago. Ili remis la tutan tagon tien kaj reen, sed sen sukceso. Ili kaptis nenion. Nur vespere, kiam ili volis reveni, ili kaptis multajn fiŝojn kaj veturis tre feliĉaj redoni la boaton. Subite diris unu el ili: „Estas domaĝo, ke ni ne notis la lokon, kie ni kaptis tiom da fiŝoj. Ni povus morgaŭ tien reveni."

„Tio estas bona ideo," respondis la dua. „Ankaŭ mi pensis pri tio kaj en la loko, por ni tiel feliĉa, mi faris grandan noĉon en la boaton. Laŭ tiu noĉo ni trovos morgaŭ nian lokon senhezite."

„Tre bone!" ekkriis la unua. „Sed kion ni faros, se oni pruntos al ni morgaŭ alian boaton?"

ideo — nápad, myšlenka
prunti — půjčiti
pruntepreni — vypůjčiti
remi — veslovati
boato — člun
kapti — chytati
lago — jezero
tien kaj reen — sem a tam
sukceso — úspěch
veturi — jeti
redoni — vrátiti
subite — náhle
fiŝo — ryba
kiam — když
tuta — celý
reveni — vrátit se
domaĝo — škoda
noti — poznamenati si něco
noĉo — vrub, zářez
laŭ — podle
trovi — nalézti
heziti — váhati
senhezite — bez váhání
krii — křičeti
ekkrii — vykřiknouti
morgaŭ — zítra

## ● KORESPONDI DEZIRAS

Bulgario:
NIKOLAJ KIROV NIKOV, Leninstr. Nro 29, VARNA, Bulgario.
19-jaraĝa laboristo PETER SEMOV, Str. Alea Vazzajdane 142, RUSE, Bulgario.

Japanujo:
Y. KOAKUTSU, 8, Z-chome, Sakuradai, Nerima, TOKIO, Japanujo.

Kanado:
200 kanadaj pacamantinoj, membroj de „VOĈO de VIRINOJ", nun lernas Esperanton por korespondi kun vi. Skribu viajn aĝon, profesion kaj interesojn al Vilma Eichholz, Esperanto, Oakville, Ontario, Kanado.

Pollando:
6 gelernantoj, 12-ĝis 13-jaraĝaj. Skribu al GARCZYNSKA URSZULA, NOVA-SOL, ul. Tetmajera 17, woj. Zielonogorskie, Polujo.

Holando:
18-jaraĝa fraŭlo Esperante, angle kaj germane pri etnologio, geografio ktp. Deziras interŝanĝi alumetetiketojn. G. SELHORST, Burg! Peecklaan 8, Schoorl, Holando.

Rumanio
14-jaraĝa lernantino EDITA FISCH, Str. Vasile Alecsandri 34, BAIA - MARE, Rumanio.

Sovet Unio:
IGOR SOLENKOV, Ul. Smolnaja 10, IVANOVO, USSR. (Studento.)
TAMARA RYBKINA, Ul. Kaznaĉejskaja 4 kv. 6, LENINGRAD F-31, USSR.
16-jara studento kun 15-jara lernantino. ANDREJ IGNATKIN, Pionerskij proezd, domo 6, g. Kolomna, Moskovskaja oblast. USSR.
15-jara lernanto. VIKTOR LANTEV, Pasadskij pereulok 7, KOŬSSR.
SAŜA SEMENOV, Ul. Pisareva 12, Oktjabrskij rajon, LENINGRAD. USSR. ,
LOMNA, Moskovskaja oblast. I. A. DAL, Str. Verda, domo 52, ĉambro 9, KOLOMNA, Moskovskaja obl., USSR.
JURIJ KOTIKOV, (fraŭlo 25 j.) deziras korespondi kun ĉl pri ĉt. Adreso: Jurij Kotikov, KRIVIJ ROG — 34, do vostrebovanij, Ukrainio, USSR.
P. S. KUZNECOV, instruisto, d. Ozornovo, Vladimirskaja obl. p. o. Levino, USSR.

AGADO, neperiodický oběžník vydává Dům kultury ROH, esperantský kroužek, Tolstého 2, JIHLAVA — za spolupráce esperantského kroužku ZV ROH GRAFIA n. p — Pov. MestNV Jihlava 245-VÁ-62. — Tiskla GRAFIA JIHLAVA.
Q-17*22385